# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**



Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika“ (Ika), de „Internacia katolika Esperanto Oficejo“ (IKEO)
de „Mondjunularo Katolika“ (Moka), kaj de „Blanka kruco“ (Internacia misio katolika)

Numero 3. 1922/23 | Kongresa Numero | II. Kolekto 1922/23


# La 2ª Internacia Katolika Laborkongreso en Luksemburgo.

La dua kongreso — la dua grava antaŭenpaŝo al fina glora sukceso. Dank' al la bonega graco de Dio, kiu mirinde nin helpis, forigi ĉiujn malfacilaĵojn kaj fervore benis la necesegan laboron, dank' al la laŭdindega subteno de la Luksemburgaj samkredanoj, dank' al la favorega partopreno de tiom da karaj kaj laboremaj amikoj, la kongreso bonege sukcesis. Ĉi tiu kongresa numero nur ĝenerale povas raporti pri la eksteraj okazintaĵoj. La plej gravaj paroladoj iom post iom mallongigite aperos en K. M.*)

* *

Luksemburgo, ĉarmega landeto neŭtrala kun samnoma bela ĉefurbo estas kvazaŭ pacema insuleto en koro de sangosoifanta Eŭropo. Malĝojigaj memoroj trakuris mian kapon, kiam mi trapaŝis post longa veturado la limojn de nia kara kongreslando. Juste antaŭ ok jaroj tie eksplodis la malfeliĉega fratomortiga milito, kiu tiel kruele disŝiris la kristanajn naciojn de l' mondo. — Kaj hodiaŭ fratoj el preskaŭ ĉiuj eŭropaj kaj eĉ ekstereŭropaj landoj tien kunvenas por pritrakti en frata spirito la paceman kunlaboradon de ĉiunaciaj fortoj katolikaj por defendo kaj disvastigo de la Dia Regno surtera . . . dum la popolamasoj per grandiozaj demonstracioj tra la tuta mondo unuanime vokas: „no more war“ . . . neniam plu milito! — Malgranda estas la nombro de la kuraĝaj pioniroj, ci-tie kunvenantaj. Multegaj samideanoj malhelpitaj per distanco kaj mizera financa situacio tutmonda — persone ne povis ĉeesti. Tamen kore kaj spirite, per preĝoj kaj bondeziroj nia tutmonda familio estis kunigita en Luksemburgo, unueca familio de gefratoj brulantaj de amo kaj laboremeco por la triomfo de la sankta katolika Eklezio en la hodiaŭa tempo.

## La saluta dimanĉo.

En la bele ornamita preĝejo de la Redemptoristoj matene kunvenis la jam ĉeestantaj kongresanoj por adorante elpeti la Dian benon. R. P. Lehnerd, C. P., veninte el Usono Eŭropon por plenumi tie gravan taskon, solenis la sanktan meson, dum Dro Metzger, Graz, per impresa trilingva prediko klarigis la grandiozan taskon de l' eklezio en nuna mizerega tempo, kiu sole sub la signo de la sankta Eŭharistio povas savi la pereantan Eŭropon kaj redoni la pacon kiun la mondo ne povas doni. Unuafoje oni aŭdis en Luksemburgo publikan Esperanto-predikon . . .

Posttagmeze sekvis la solena saluta kunveno en la bela salonego de la „katolika popoldomo“. Reprezentantoj el 16 diversaj ŝtatoj jam estis alvenintaj. Prof. W. Arnold, Svisujo, kiel prezidanto de Ika, malfermis la kongreson, korege salutante la kongresanojn kaj la ĉeestantajn gastojn el Luksemburgo, precipe la kanonikon Rumé kaj Dron Mack kiel reprezentantojn de lia episkopa Moŝto Dro Nommesch de Luksemburgo, kiu bonvole sendis benon kaj saluton al la kongreso.

Ĝojege aplaŭdita tiam kanoniko Rumé nome de lia episkopa Moŝto salutis la kongreson klarigante per impresa parolado la grandan gravecon de tiuspecaj praktikaj laborkongresoj por la sankta eklezio. Dro Dupont, deputato Luksemburga, esprimis sian koregan ĝojon, ke la katolikoj ĉiulandaj nun fine sin unuigas por energie kontraŭbatali malamon kaj militon kaj agadi por la paco.

Kun ĝenerala entuziasma aplaŭdo la kongreso tiam forsendis jenan saluto-telegramon al Lia Papo Moŝto:

„Reprezentantoj el preskaŭ 20 nacioj kunvenintaj al la internacia katolika kongreso, unuigitaj kun via Sankteco en la dezirego por kristana paco, kiel fidelaj kaj obeemaj filoj komence de sia laboro elpetas la Apostolan Benon, por ke ilia laboro servu la pacon kaj konkordon por la gloro de Dio kaj la savo de la mizerega homaro.“

Merkrede vespere de l' Vatikano venis jena responda telegramo itallingva kun granda ĝojego laŭtlegita en publika kunveno:

„Lia Sankteco korege ĝojegante pri la graveca kongreso Luksemburga de katolikoj el tiel multnombraj nacioj kun la eminenta celo starigi konkordon kaj socian pacon sur la sole fortaj fundamentoj de kristanismo, elkore benas la membrojn kaj la gravegajn laborojn de l' kongreso. Li esprimas la deziron, ke la altanima iniciato estu koronata de feliĉega sukceso por la savo de la suferanta homaro.

Kard. Gasparri.“

La tutestraro de la kongreso konsistis el tri prezidantoj de l' kongreso mem kaj po du prezidantoj por ĉiu aparta konferenco.

Kiel prezidantojn de la tuta kongreso oni elektis Prel. Dron A. Gießwein, deputato en Budapest, Sron Grafon Em. de Rougé, Parizo, kaj Prof. W. Arnold, Svisujo.

Por la specialaj konferencoj estis elektitaj jenaj personoj: Ika-konferenco (ĝenerala kunlaborado internacia): Prof. Beauregard, Parizo, kaj Dro Metzger, Graz; Moka-konferenco: Pastro Suter, Svisujo, ĉefsekretario de la svisa junula asocio katolika, kaj Pastro Clement, ĉefsekretario en Praha; porpaca konferenco: Sino Crowford, deputatino de urba parlamento, Londono, kaj Dro Mack, seminaria direktoro, Luksemburgo; misia konferenco: R. P. Walker, S. J., Oxford, kaj Prof. Mizurino, Milano; elmigrada konferenco: Dro Groesser, Hamburg, kaj Sro Greenwood, Washington; Esperanto-konferenco: R. P. Carolfi, Italujo, kaj Dro Hinsenkamp, Germanujo; gazetara konferenco: Msro Montero, Sevilla, kaj ĉefredaktoro Kielbratowski, Polujo.

Reprezentantoj el plej diversaj landoj kaj de multnombraj naciaj kaj eĉ internaciaj organizacioj el Anglujo, Francujo, Germanujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Italujo, Hungarujo, Luksemburgo ktp. salutis la kongreson. Post laŭtlegado de salutaj telegramoj kaj leteroj de ekleziaj princoj kaj de samideanoj el la tuta mondo precipe ankaŭ de Aŭstralujo, Hindujo, Suda Ameriko, Rumanujo ktp. finiĝis la belega kunveno.

## Ika-konferenco.

Sub la prezido de Prof. Beaŭregard, Parizo, kaj Dro Metzger, la konferenco por praktika internacia kunagado de la katolikoj ĉiulandaj komencis lunde matene. Unue kongresanoj el la plej diversaj landoj raportis pri la nuna situacio de l' Eklezio en siaj ŝtatoj. Per grandaj trajtoj evoluiĝis antaŭ niaj okuloj interesega kaj impona bildo pri la bataloj kaj suferoj, zorgoj kaj sukcesoj de la katolikoj apartŝtataj.

En eminenta parolado tiam Prof. Beauregard traktis pri la internaciaj taskoj de la katolikoj en la moderna tempo. Komencante l' oratoro precipe

*) Ĝenerala raporto en germana kaj franca lingvoj aperos en kelkaj semajnoj kaj estas mendebla rekte per Ika.

## Kie estas amo, tie estas ankaŭ Dio.

De Leo Tolstoj. 2

Avdejiĉ apenaŭ faris dek stebojn, kiam io instigis lin denove, rigardi tra la fenestro. Li denove rigardis kaj vidis: Stepaniĉ apogis la ŝovelilon kontraŭ la muro kaj varmigas sin aŭ ripozas.

„La maljuna, kaduka vivo kredeble ne plu havas forton, por ŝoveli neĝon“, pensas Avdejiĉ. „Ĉu mi ne donu al li teon? La samovaro preskaŭ superfluas.“

Avdejiĉ formetinte la alenon levas sin kaj metas la samovaron sur la tablon, brogas la teon kaj frapetas la vitron per la fingro. Stepaniĉ sin turninte venas al la fenestro. Avdejiĉ mansignas al li kaj iras por malfermi la pordon.

„Eniru, varmigu vin,“ li diras, „vi ŝajne rigidiĝis?“

„La Savinto estu favora al mi, la ostoj doloras min tiom“, diris Stepaniĉ. Stepaniĉ eniris, deskuis la neĝon kaj komencis gratpurigi la botojn, por ne malpurigi la plankon — tremante pro frosto.

„Ne penu. Mi ja forviŝos ĝin, tia estas mia profesio. Venu, sidiĝu“, diris Avdejiĉ. „Trinku iom da teo.“

Avdejiĉ enverŝis du glasojn kaj ŝovis la unu antaŭ la gaston; la sian li verŝis en la subtelevon kaj komencis blovi. Stepaniĉ eltrinkis sian glason, starigis ĝin fundsupre, metis la sukerrestaĵon sur ĝin kaj dankis. Estis videbla, ke li volonte trinkus pli multe.

„Trinku duan glason“, diris Avdejiĉ kaj enverŝis denove al si kaj al la gasto.

Avdejiĉ trinkas sian teon kaj dume rigardas konstante sur la straton.

„Ĉu vi atendas iun?“ demandis la gasto.

„Ĉu mi iun atendas? Mi kontas diri, kiun mi atendas. Mi atendas kaj ne atendas, sed parolo falis en mian koron. Ĉu estis aperaĵo aŭ io alia, tion mi ne scias. Jen, frato, hieraŭ mi legis en la evangelio pri Kristo, mia paĉjo, kiel li suferadis kaj kiel li migradis sur la tero. Ĉu vi aŭdis ion pri tio?“

„Mi jam aŭdis ion“, respondis Stepaniĉ. „Sed ni estas nekleraj homoj kaj ne scias legi.“

„Nu, mi legis do, kiel li migradis sur tero mi legis, kiel li venis al fariseo, kaj kiel tiu ne gasteme lin akceptis. Legante tion, mi pensis: kiel li povis akcepti Kriston, estantan, tiel tute sen eksteraj honoroj? Se tio estus okazinta al mi aŭ al iu alia, mi tute ne scias, kion mi farus. Sed tiu aranĝis tute nenian akcepton. Tion pensante mi ekdormis. Kaj dormante, kara frato, mi aŭdas, ke iu vokas mian nomon. Mi ekstaras kaj ŝajnas al mi, ke iu flustras: Atendu min; mi venos morgaŭ. Dufoje mi aŭdis tion. Ĉu vi kredas tion? Ĉi tiuj vortoj fiksiĝis en mia kapo. Mi mem devas riproĉi al mi, sed mi konstante atendas lin, nian sinjoron.“

Stepaniĉ skuis la kapon silentante. Li eltrinkis sian teon kaj formetis la glason. Sed Avdejiĉ ĝin pleniĝis denove.

„Trinku! — Mi pensas, ke ankaŭ li, nia sinjoro, ne malestimis iun homon kaj plej ofte interrilatis kun la ordinara popolo. Li venis ĉiam al la simplaj homoj, elektante ankaŭ niajn disĉiplojn el nia rango; laboristoj ili estis kiel ni. Kiu sin mem altigas, li diris, tiu estos malaltigata, sed kiu sin malaltigas, tiu estos altigata. Vi nomas min vian sinjoron, kaj mi volas lavi viajn piedojn. Kiu volas esti la unua, tiu estu servanto de ĉiuj. Tial, estas feliĉegaj la malriĉuloj, la malfieruloj, la pacemuloj kaj la purkoruloj.“

Stepaniĉ ne plu pensis pri sia teo. La maljuna, sentimentala homo sidis tie, aŭskultante kaj plorgutoj kuris tra liajn vangojn.

„Nu, trinku“, diris Avdejiĉ.

Sed krucosigninte sin, Stepaniĉ dankis, forŝovis sian glason kaj eliris.

„Mi dankas vin, Marteno Avdejiĉ,“ li diris, „vi bele regalis min, freŝigis miajn animon kaj korpon.“

„Ne dankinde, revenu alian fojon, vi estas ĉiam bonvena“, diris Avdejiĉ.

Stepaniĉ foriris, Marteno enverŝis al si la lastan teon, altrinkinte ĝin li formetis la vazaron kaj reprenis sian placon apud la fenestro por labori: stebi kalkanumon. Li stebas kaj ĉiam denove rigardas tra la fenestro: Li atendas Kriston, pensante ĉiam pri li kaj liaj agadoj. Kaj kelkaj paroloj de Kristo ekvenas en lian memoron.

Du soldatoj preterpaŝis; la unu en armeobotoj la alia en siaj propraj; poste la estro de apuda domo pretervenis en briligitaj galoŝoj; post li la bakisto kun sia korbo. Ĉiuj preteriris. — Sed nun venas antaŭ la fenestron virino kun lanaj ŝtrumpoj kaj vilaĝanaj ŝuoj. Ŝi preteriris kaj haltis inter du fenestroj. Avdejiĉ suprenrigardas tra la fenestro kaj vidas fremdan virinon en malbonaj vestoj infanon portante sur brako; ŝi staras ĉe la muro, la dorson kontraŭ la vento, kaj volas envolvi la infanon, sed ne havas ion ĝustan por tio: ŝia vesto estas farita por la somero kaj jam tute malbona. Avdejiĉ aŭdis tra la fenestro, kiel l' infano krias, la patrino volas trankviligi ĝin, sed ne sukcesas. (Daŭrigota.)

akcentis, ke ni katolikoj kiel infanoj de unu sama patro, kiel filoj de unu sama patrino-Eklezio, kiel fratoj en Kristo estas vokataj laŭ la esprima volo de l' Savinto, ke ni tra landlimoj kaj marbordoj donu frate la manojn unuj al aliaj por disvastigo de Dia regno, regno de amo kaj justeco sur tuta terglobo.

Bedaŭrinde la katolikoj nuntempe en preskaŭ ĉiuj landoj estas disigitaj en multaj partioj kaj direktoj. Precipe granda kaj ruiniga estas la disunuiĝo sur la internacia teritorio. Kialoj de tia malĝojiga situacio estas unuflanke, ĉar la katolikoj depost centjaroj ne sufiĉe komprenis organizi siajn fortojn laŭ bezonoj de internacia ŝpirita batalo en moderna tempo, aliflanke la materialista, tute nekrista nacionalismo. La diverseco de la opinioj en politika kampo oftege disigas ne nur la katolikojn en apartaj landoj, sed en la tuta mondo, tiel ke ili forgesas eĉ la komunajn religiajn taskojn. Dua ĉefa kialo estas la nekrista nacionalismo, kiu — tute diversa de vere krista patriotismo — konsistas en blinda sinsubmeto sub la materialista ŝtato moderna kaj ĝiaj egoistoj celoj. Tiu malvera nacionalismo blindigis multajn katolikajn rondojn, tiel ke ili ne plu vidas la grandiozajn komunajn taskojn por la Dia regno.

Ĉi tiu disunuiĝo nacia kaj internacia malfortigas multege la katolikan agadon kaj permesas facilan triumfon al la kontraŭuloj. Al tiu disunuiga spirito oni devas kontraŭmeti la vere universalan katolikan spiriton per prudenta organizigo de la katolikaj fortoj kaj per praktika agado internacia.

Jaŭde matene, la 4an de aŭgusto okazis la fina kunsido de Ika-konferenco, montrante precipe la praktikajn vojojn de internacia kunagado. Sro Kaspar Mayr, Graz, en detala raporto pritraktis la realigon de universala helporganizacio tutmonda, laŭ postuloj de l' moderna tempo. Montrinte la fakton, ke la internaciaj kontraŭuloj de l' Eklezio, precipe la de papoj oftege kondamnitoj framasonoj, per prudenta internacia kunagado gajnis decidan influon en la mondo, l' oratoro akcentis la urĝegan necesecon de taŭga kunligo de la vivaj katolikaj fortoj tutmondaj. La lasta celo ideala estas la laŭplana kunlaborado de ĉiuj nacie organizitaj fortoj sur la terglobo por plenumi komunajn internaciajn taskojn de la katolikaro (ekz. por la katolika gazetaro, lernejo, informa servo, ktp.). Fundamento de internacia kunlaborado sukcesa estas la kreo de naciaj laborkomitatoj, kiu kunligus la efektivajn fortojn katolikojn en la aparta ŝtato.

Tiu idealo de internacia unuigo de ĉiuj naciaj fortoj katolikaj tamen ne tuj estas realigebla. Nur la organa evoluo interna realigos la idealan celon. Intertempe estas necesega prepara laboro, unuigi tiujn rondojn katolikajn en la tuta mondo, kiuj jam nun estas pretaj kunhelpi al la realigo de universala helporganizacio. Plue jam hodiaŭ oni povas realigi praktikajn instituciojn por internacia kunlaborado, kiel Ika ilin iniciatis sukcese, ekz. internacia perada centrejo, internacia gazeto, eldonejo, internaciaj kongresoj ktp.

La rezultoj de la traktadoj estas resumitaj en jena unuanime akceptita rezolucio:

1. Konvinkita de la eminenta graveco de la internacia tasko de l' eklezio en nuna tempo kaj konante la internacian kuncentrigon de ĉiuj kontraŭekleziaj fortoj en la mondo, la kongreso postulas unuecan kunlaboradon de ĉiuj katolikaj fortoj en la mondo. Salutante la ĝisnunan sukcesplenan laboron de Ika, ĝi invitas la katolikajn organizojn kaj instituciojn al aliĝo kaj kunlaborado en la Internacia Katolika Ligo.

2. La kongreso precipe deziras la praktikan agadecon de Ika precipe per kompletigo de la internaciaj kongresoj, de l' eldonejo kaj internacia gazeto „Katolika Mondo“, perfektigo de la internacia centra oficejo, kreo kaj subteno de internacia gazetara servo, ktp.

3. Ĉar la kongreso kun bedaŭro devas konstati, ke la klopodoj por kreo de internacia katolika organizacio estas disigitaj, kio laŭ ĝia opinio precipe rezultas de miskomprenoj, la kongreso esprimas la koregan deziron, ke la ĝisnune disigitaj klopodoj unuiĝu al forta internacio katolika kaj solene deklaras sian pretecon al frata kunligiĝo kun ĉiuj aliaj samcelaj movadoj.

La estraro de Ika estis komisiita, oficiale komuniki la lastan rezolucion al la koncernaj rondoj por prepari unuecon.

En la tuj sekvanta ĝenerala kunveno de Ika post detala raporto de ĉefsekretario Kasparo Mayr pri disvastigo, laboro kaj financa situacio de Ika, okazis la elekto de internacia estraro de Ika kun jena rezulto: prezidantoj de Ika: Prel. A. Gießwein, Budapest, Sro Grafo Em. de Rougé, Parizo, Prof. W. Arnold, Svisujo; ĉefsekretario Kasparo Mayr, Graz; ĉefdirektoro de Centra oficejo Dro Metzger, Graz. La direktoraro unuanime estis reelektata.

La prezidantaro estas rajtigata dum la jaro provizore destini mem novajn naciajn direktorojn, definitive elektotajn dum la sekvonta ĝenerala kunveno.

## Dua kongreso de Moka.

Sub la prezido de paroĥestro Suter, ĉefsekretario de la svisa katolika junula asocio, kaj pastro Clement, ĉefsekretario de la ĉeĥa katolika junula asocio, komencis la dua internacia konferenco de Moka. Post kiam la prezidanto de Moka Prof. Arnold estis direktinta entuziasmajn parolojn al la konferencanoj, ĉefsekretario Sro Sappl laŭtlegis kelkajn el la multnombraj salutaj leteroj kaj telegramoj i. a. ankaŭ de la protektoro de Moka, lia episkopa Moŝto Dro Gustavo Karlo Majlath. Poste ok oficialalaj reprezentantoj de katolikaj junulaj kaj studentaj societoj: el Germanujo (Sro Kolvenbach, Düsseldorf, por la katolika komercista junula ligo prokuristo Solbach, Solingen), el Ĉeĥoslovakujo (ĉefsekretario Pastro Clement), el Svisujo (Pastro Suter), el Jugoslavujo (stud. jur. Čampa), el Hispanujo (Msro Dro Ildefonso Montero, Sevilla), el Hungarujo (Prel. Gießwein), el Francujo (Grafo E. de Rougé, Parizo) salutis la kongreson. Kelkaj reprezentantoj donis mallongajn raportojn pri la stato de la katolika junula movado, kiuj ebligis komprenon pri la labora metodo en la naciaj ligoj. Ĉefsekretario Sappl parolis pri la signifo de katolika junula internacio akcentante, ke ĝi devas kunhelpi al la repaciĝo kaj interkompreniĝo de la popoloj.

En la posta ĝenerala kunveno la demando de la kunlaborado kun la roma katolika junula internacio precipe estas priparolita. Sroj Suter kaj Müller, kiuj partoprenis la samtempe okazantan kongreson en Hago, detale raportis pri ĝi. Rezolucio de Pastro Clement, Moka deklaru sin preta unuigi ĉiujn fortojn en pli granda labora komuneco, unuanime estis akceptata. Trimembra komitato, konsistante el Sroj Prof. Arnold, Sappl kaj Clement, estas komisiata komenci la necesajn intertraktadojn. La negoca raporto por 1921/22 montris, ke Moka, spite de multaj malfacilaĵoj plej diversaj, paŝo post paŝo atingos la celon kaj trovas iom post iom ĝeneralan aprobon.

Fine okazis la novelekto de la prezidantaro konsistante nun el prelato Gießwein, honora prezidanto, Prof. Arnold, prezidanto kaj Sro Hanns Sappl, ĝenerala sekretario.

## Atentu!

La katastrofa senvaloriĝo de la germana kaj aŭstra monoj devigis nin denove plialtigi la abonprezon por la dua kolekto. La abonprezo provizore estas jene fiksita por kolekto de dek numeroj:

**Germanujo . . . 60 g. m.**
**Aŭstrujo . . . . 3000 aŭ. kr.**

La germanaj kaj aŭstraj legantoj, kiuj jam pagis abonprezon por dua kolekto estas urĝe petataj, sendi la reston per ĉi-kuna poŝtpagilo.

**Ĉiuj amikoj, kiuj ankoraŭ ne sendis la abonmonon, estas kore petataj, fari tion tuj.**

## Porpaca konferenco.

Grandegan intereson trovis la porpaca konferenco aranĝata lunde posttagmeze sub prezido de Sino Crowford, Londono, kaj direktoro Dro Mack, Luksemburgo. En vere entuziasma parolado la famkonata oratoro Dro Mack klarigis la celon kaj taskon de internacia katolika interfratiĝo. Ni publikigos la eminantajn pensojn pli detale en K. M. Pro tio ni nur rimarkas jenon: rezulto de la milito estas ekonomia kaj morala ruino. Kvankam hodiaŭ la repaciĝa laboro estas pli malfacila ol iam, tamen restas la absoluta devo morala por ni katolikoj, per ĉiuj iloj agadi por la paco. Tio nur estas ebla per nova spirito kaj per internacia katolika kunagado unueca.

Dro Mack bedaŭrante konstatis la neunuecon de la katolika agado internacia kaj alvokis Ikaon serĉi interkompreniĝon kun la agado de Prof. Steger en Holando.

Responde al tiu alvoko dum la sekvonta diskutado Dro Metzger, solene deklaris, ke la internacia katolika movado de Graz, jam dum la milito, do antaŭ aliaj iniciantoj, alvokis la katolikojn al komuna internacia agado kaj unuiĝo, kaj hodiaŭ denove kaj solene eltendas la fratan manon kaj estas kiel ĝis nun tiel ankaŭ estonte preta eĉ kun grandaj oferoj ebligi komunan unuecan agadon.

Kun ĝoja aplaŭdo salutata tiam la grandaĝa pioniro de katolika porpaca agado, Mgro Gießwein akcentas la neceson, ke la katolikoj estonte pli ol estinte devas labori por la paco, ĉar la paca ideo estas sanktega heredaĵo de la kristana tradicio.

Fine en klarega parolado Sino Crowford, Londono, montris la taskojn de la katolikaj virinoj por la paco. Se la virino pasinte ne sufiĉe agadis por la paco, ĉefa kialo estas, ĉar ŝi havis tro malmulte da influo en la publika vivo kaj ne povis defendi la rajtojn kiel virino kaj patrino en la ŝtato. Nun estas precipe danĝera, ke juste la katolikaj virinoj ne gajnas la necesan influon en la mondo, ĉar precipe en la „latinaj“ pli malpli katolikaj ŝtatoj virinoj ne havas elektorajton, dum en mezeŭropaj kaj orientaj regionoj, pli malpli protestantaj, ili posedas ĝin.

La traktadoj pri porpaca laboro katolika estis daŭrigataj per speciala komitato. Kiel rezulton ĝi proponis al kongreso jenan deziresprimon, kiu estis unuanime akceptita per la kongreso:

1. Ke la katolikoj de la tuta mondo estu instruataj pri la vere kristanaj principoj rilate al milito, ŝovinismo, nacia egoismo, malamo kaj venĝo, same pri la moralaj devoj koncerne la internacian kariton, la repaciĝon de la popoloj kaj la pacigon de la mondo en sincera kaj altanima konkordo, forgesante la pasintecon kaj malfermante vojon al deviga arbitracio rilate al ĉiuj demandoj, kiuj povus eksplodigi novan militon.

2. Ke la katolikoj estonte pli ol estinte apogu ĉiam la pacigan agadon de l' Eklezio kaj de la papoj per tuta sia influo publika, precipe per la gazetaro, per la publikaj organizoj kaj la parlamentaj reprezentantoj.

3. Ke oni perfektigu la internacian centran oficejon (Ika) por la katolika repaciga agado kaj ke oni invitu ĉiujn organizojn katolikajn kun simila celo, ke ili unuiĝu kun la centra agada organizo de Ika.

4. Celante plenigi la korojn de la katolikoj ĉiunaciaj je frata amo, repaciĝa emo kaj justeco inter la nacioj majstre instruitaj en la enciklikoj de la Papo Benedikto XVa, la kongreso petegas Lian Papan Moŝton, ke Li bonvolu aŭskulti la deziresprimojn de multaj katolikaj ordonante, ke oni festu en ĉiuj preĝejoj de l' mondo unu dimanĉon pojare kiel dimanĉon de la Paco.

## Misia konferenco.

Kiel en lasta jaro, tiel ankaŭ nunjare la misia konferenco (enlanda misio), okazanta sub prezido de R. P. Walker, S. J. (Sro Mizurino lastmomente estis malhelpata), estis solena kaj vere impresa festaĵo. Oni denove sentis en koro la eminentan misian taskon de l' Eklezio por realigi la Dian regnon sur tero. Unue Dro Metzger, Graz, en impona parolado klarigis la gravecon kaj taskon de enlanda misio katolika. La misio de l' Eklezio nek intense nek ekstere estas jam plenumata hodiaŭ, ĉar du trionoj de l' homaro ankoraŭ ne konas la nomon de Jesuo kaj el la „kristanoj“ nur parto apartenas al l' Eklezio, kaj eĉ inter la katolika granda nombro ne vivas kaj sentas kun eklezio: la reidolaniĝo de l' kultura homaro terure progresas. La regajno de l' intelektuloj kaj de la proletariaro estas plej urĝa tasko, nur solvebla per organizigo de vere kristanosocia apostolato.

En la sekvonta diskutado R. P. Lehnerd, Usono, interesiĝe rakontis pri la imitinda misia agado de usonaj katolikoj por regajni nekatolikojn.

Poste R. P. Walker raportis pri la progreso de l' katolikismo en Anglujo, montrante la novajn sukcesajn metodojn de enlanda misio. Pri tiu parolado detale raportos K. M.

Poste Domenico Russo, katolika ĵurnalisto itala en Parizo, parolis pri la gravega temo: kiel oni regajnu la proletariaron al Kristo. L' oratoro per la praktika ekzemplo de la italaj katolikoj montris sukcesan vojon: la energia religiesocia agado, kiu montras al la proletarioj, ke l' Eklezio praktike kaj senkompromise realigas la principojn de Jesuo-Kristo, la kariton kaj justecon.

En la sekvonta vivega diskutado oni precipe akcentis la devon, rigardi la problemon ne sub politika, sed sole sub religia vidpunkto: unua kaj ĉefa tasko estas savi la nemorteblan animon de la laboristoj.

La bela kunsido finiĝis per detala kaj interesega raporto pri la katolika misio en Rusujo de Sro Tersekław, Ljubljana, laŭtlegata de lia anstataŭanto Sro Čampa. Ĉar estas neeble per kelkaj vortoj resumi la gravegajn klarigojn, la raporto aperos en K. M.

La speciala komisio, kiu detale pripensis la problemon de enlanda misio proponis rezolucion, poste unuanime akceptitan per la kongreso.

1. Respektante la eminentan gravecon de enlanda katolika misio por la taskoj de l' Eklezio en moderna tempo la kongreso, ĝoje rekonante inter aliaj la ĝisnunan sukcesplenan agadon de la katolikaj popolmisiistoj, salutas la en preskaŭ ĉiuj landoj ekflorantajn movadojn por renaskiĝo de kristano-katolika vivo kaj praktika organizigo de taŭgega helpservo subtenanta la pastran prizorgadon de l' animoj, kaj direktas l' atenton de ĉiulandaj katolikoj precipe sur la meritplenaj laboroj de la „Ligue Apostolique“, Bruxelles, „Catholic Truth Society“, London, „Kruco Blanko“ (enlanda misio), Graz.

2. La kongreso konsideras la regajnon de l' proletariaro por kristanismo kaj Eklezio kiel eble la plej urĝan taskon, samsignifan por l' Eklezio kaj la proletaria mem, kaj esperas la revenon de l' proletariaro pere de plej energia disvastigo kaj realigo de la principoj de socia justeco kaj de la karito en la tuta katolika vivo.

3. La kongreso direktas l' atenton de l' tutmonda katolikaro sur la situacio de l' Eklezio en Rusujo kaj preĝas al Dio por la katolika misio en Rusujo kaj la reunuiĝo de la tuta kristanaro.

## Elmigrada konferenco.

La konferenco, kiu sub prezido de Dro Groesser, Hamburg (Sro Greenwood, komisiita de Washington ne povis persone ĉeesti), sin konstituis kiel 5. internacian katolikan elmigradan konferencon, havis grandegan signifon por plua sukcesa evoluo de la katolika elmigrada movado. Ĉeestis oficialaj reprezentantoj de Germanujo (Rafaelsverein), Italujo (opera di Card. Bonomelli) Anglujo (Catholic Emigration society),

Francujo kaj reprezentantino de internacia katolika uniuĝo por la protektado de fraŭlinoj Friburgo (Svisujo).

La rezulto de la detalaj kaj fruktaj intertraktadoj estas resumita en oficiala raporto de la konferenco (mallongigite):

„La 5. internacia katolika elmigrada konferenco estas konvinkita, ke post la milito kaŭze de granda plimultiĝo de la elmigrada movado tiel interne de de la eŭropaj landoj kiel precipe en la transmarajn teritoriojn la organizita helpservo katolika denove devas komenci kaj perfektiĝi per ĉiuj iloj. Precipe ĝi opinias, ke la jam antaŭ la milito ekzistanta internacia kunlaborado nepre devas rekomenci kaj disvastiĝi en ĉiuj koncernaj landoj.

Fidelaj al la principoj, kiujn Lia Papa Moŝto Pio Xa publikigis en Motuproprio de 15a aŭgusto 1912 la reprezentantoj decidas instigi la kunlaboradon de siaj propraj landoj sur jena bazo:

1. Por la surkontinenta migrado: La helpservo per organizacioj kiel la protekta komitato de katolikaj laboristoj italaj en Germanujo, la internacia katolika protekta uniuĝo por fraŭlinoj, por morala kaj fisika protekto, por animo-prizorgado en nacia lingvo ktp., en ĉi tiuj aŭ similaj organizoj denove devas esti evoluata kaj subtenata. Internacia kunagado estas dezirindega.

2. Por la transmara elmigrado. La jam antaŭ la milito ekzistantaj uniuĝoj de Sankta Rafaelo en Usono, Belgujo Germanujo kaj en ŝtatoj de plifrua Danuba monarĥio devas esti renovigitaj. Kie naciaj uniuĝoj de Sankta Rafaelo ne ekzistas, similaj organizoj devas esti kreataj aŭ la protektado de katolikaj elmigrantoj transdonata al jam ekzistantaj karitaj entreprenoj . . .“ — Por la plua evoluo de la internacia kunhelpo trimembra komitato internacia provizore estis elektata, kiu estas komisiita realigi la pluan necesajn taskojn.

## Helplingva konferenco.

La kongreso denove montris la grandegan malfacilaĵon de la lingva diverseco. Ĉar la nombro de la ne-esperantistoj estis tre granda, oni estis devigata, grandparte uzi ankaŭ la francan kaj germanan lingvon. Kvankam oni alceladis kiel idealan principon, ke ĉiu ne-esperantisto parolu en patra lingvo kaj ke oni nur traduku en Esperanto, tamen la idealo ne ĉiam estis realigebla. Pro tio la speciala komisio pritraktanta la problemon de internacia helplingvo energie postulis, ke Esperanto en la kongresoj estonte estu uzata kiel unusola lingvo por traduko, tiamaniere, ke ĉiu parolu laŭvole en gepatra lingvo kaj ke oni nur traduku en Esperanto. En la diversaj kunsidoj, kie oni traktadis pri la lingva problemo, precipe ankaŭ de la internacia gazeto, la plej diversaj vidpunktoj estis sukcese defenditaj. Tamen estas akceptita la proponita deziresprimo, dirante ke Esperanto estu uzota dum la kongreso kiel unusola traduka lingvo kaj ke Ika per ĉiuj iloj subtenu la disvastigon de Esperanto en katolikaj rondoj kiel necesega ilo por praktika kunlaborado de la katolikoj tutmondaj.

## Konferenco por la geinstruistoj.

La speciala komitato sub prezido de Prof. Carolfi, Italujo, kiu pritraktis la demandon de internacia kunligiĝo de la katolikaj geinstruistoj en la tuta mondo, devis konstati ke nun jam ekzistas du tiurilataj klopodoj, ambaŭ oficiale reprezentataj en la konferenco: unu en Italujo, fondita post la milito kaj benita de Lia Papa Moŝto, la alia en Nederlando, kiu jam praktike funkciis antaŭ la milito. Pro tio oni decidis, unue labori por unuigo de la du movadoj kaj tiam inviti la katolikajn geinstruistajn organizojn ĉiulandajn, kiuj ne apartenas ĝis nun al internacia organizacio, ke ili aliĝu al unuigita forta internacia ligo de katolikaj geinstruistoj. Internacia komitato provizora (sekretario Prof. Carolfi, Cortemaggiore) estas elektata por prepari la nomitajn taskojn.

## Gazetara konferenco.

Sendube la internacia kunagado por la katolika gazetaro estas la plej urĝa praktika tasko de la nuna tempo. La tiurilata speciala komisio, en kiu troviĝis spertaj fakuloj kiel ekz. Domenico Russo, Italujo, Msro Montero, Hispanujo, Dro Waeger, Svisujo, kaj reprezentantoj de gravaj katolikaj gazetoj, en pluraj kunsidoj plej diligente pripensis la nunan situacion kaj serĉis praktikajn solvojn por tiu eminenta tasko. Unuanime oni ekkonis, ke plej prudenta preparo estas necesa por ne de komenco dangerigi la sukcesplenan internacian kunlaboradon. Pro tio oni decidis starigi kvinmembran internacian komitaton provizoran por studi pli detale la tutan demandon.

Post interesega raporto de Msro Ildefonso Montero, Hispanujo, pri la gravega internacia entrepreno: „Ora et labora“ la kongreso rekomendis la disvastigon de „porgazetara festo“ en la tuta mondo. Pri tiu vere interesega agado ni okaze raportos pli detale en K. M.

## Fino.

Merkrede, la 2an de aŭgusto, la prezidantaro de l' kongreso estas bonvole akceptita de Lia Moŝto Msro Nikotra, Apostola Nuncio en Bruxelles, kaj de Msro Dro Nommesch, episkopo de Luksemburgo. La reprezentanto de la Papo same kiel l' episkopo de la kongresurbo esprimis sian grandan ĝojon pri la sukcesa laboro de l' kongreso. La prezidantoro de l' kongreso denove esprimis la absolutan submetiĝon sub la eklezia aŭtoritato kaj ricevis fine la benon de la Apostola Nuncio.

Merkrede vespere okazis granda publika kunveno en la salonego de katolika popoldomo: Famkonataj oratoroj diverslandaj ekz. Prel. Gießwein, Direktoro Dro Mack, Prof. Beauregard, Dro Metzger en impresaj vortoj parolis pri la katolika repaciga agado de la katolikoj.

Ĵaŭde matene estis la lasta kunsido. Post detala raporto de K. Mayr pri internacia kunlaborado praktika kaj post la ĝenerala kunveno de Ika finiĝis la belega kongreso. Prezidanto W. Arnold koregе dankis al ĉiuj, kiuj kunhelpis al preparo kaj aranĝo de l' grava kongreso, precipe ankaŭ al la Luksemburgaj amikoj, kiuj tiel grandanime subtenis la kongreson. Kun kora „ĝisrevido en la sekvonta jaro“ la amikoj foriris en ĉiuj partoj de Eŭropo . . .

* *

La dua kongreso feliĉe kaj sukcese estas finita. Multaj novaj taskoj estas proponitaj. La laboro pligrandiĝas preskaŭ ĉiutage. Malgraŭ grandaj malfacilaĵoj la movado mirinde progresas. Pordoj fermitaj dum du jaroj iom post iom malfermiĝas. Pli kaj pli fortiĝas la konvinko, ke la komencita agado estas volita de Dio. Tio estas nia espero, nia konfido, nia forto. La tasko estas tro granda, la respondeco tro peza. Nur per helpo de Dio kaj senlaca subteno de niaj amikoj ĉiulandaj ni povas venki por la triomfo de Jesuo-Kristo en la mondo.

Intertempe la tutmonda ekonomia kaj politika situacio malpliboniĝas ĉiutage. Ĉu novaj katastrofoj pli danĝeraj, pli ampleksaj, ruinigos la disŝiritajn eŭropajn naciojn? Nur unu estas la savo: Jesuo-Kristo kaj la unueca kunagado de ĉiuj Liaj disĉiploj en la tuta terglobo. K. M.

## Katolika gejunularo en Ĉeĥoslovakujo.

(Originala raporto.)

Preskaŭ la tuta, vere katolike pensanta gejunularo estas organizita en tri grandaj uniuĝoj: 1. „Stružem“ (uniuĝo), 2. „Orel“ (Aglo, katolika gimnasta organizo), 3. Studenta sociala Uniuĝo (S. S. S.). Krom ĉi tiuj ekzistas en pli grandaj urboj multaj lokaj religiaj societoj, ekz. Mariaj kongregacioj kun sekcioj por gejunularo. Por la tuta junularo estas eldonataj: 2 monataj gazetoj por infanoj kaj lernantoj (kun esperanta kurso), 5 gazetoj por junularo kaj 2 monataj revuoj por studentaro.

„Uniuĝo“ de katolikaj gejunuloj (sidejo en Praha II, Salmova 8) estas organizaĵo por socie-religia edukado de junularo. Nombro de membroj en jaro 1921 proks. 30.000 en 40 distriktaj kaj 520 lokaj grupoj, plimultiĝo en unu jaro je 100%! Ĝi eldonas semajnan gazeton „Dorost“ (Junularo) 16—24 paĝan, tre disvastigitan, krom tio broŝurojn, librojn, flugfoliojn, ktp. Ĉefa sekretariejo zorgas senlace pri fondado de bibliotekoj, infanaj kaj lernantaj hejmoj, preparas konstruon de propra domo; plue ĝi aranĝas ofte paroladajn kursojn por plej diversaj fakoj (oratora, ekonomia, lingva k. s.). Ĉiujare oni aranĝas ĉefan kongreson en Praha kaj regionajn manifestkongresojn, kiujn partoprenas miloj da junuloj.

„Orel“ (Aglo) kies devizo estas: „Dio-patrujoforto) havas en siaj vicoj plej parte gejunularon trapentritan de flama katolika entuziasmo, netimema, oferema. La organizo zorgas ne nur pri korpa ekzercado gimnasta, sed ankaŭ pri tre ampleksa edukado spirita, simile kiel „Uniuĝo“. Nombro de membroj estis 1921 proks. 100.000 en 800 lokaj unioj, inter ili du trionoj certe estas junuloj. „Orel“ aranĝas ĉiujare grandan feston de publikaj gimnast-ekzercadoj kun tre bona sukceso. Ĝi estas ĉefa konkuranto de kontraŭkatolika gimnast-unio „Sokol“ (Falko). Por l' anaro estas eldonataj 4 gazetoj monataj. En ĉi tiu jaro Orel aranĝis grandiozan feston internacian en Brno.

Studenta sociala Uniuĝo, kune kun ĉeĥa Ligo de Akademianoj, kunligas la tutan vere katolikan studentaron kaj inteligentularon (sidejo: Praha II, Voršilska 1). Ankaŭ ĉi tiuj tre bone prosperas interne eĉ ekstere per rapida kreskado. En ili estas edukataj novaj pioniroj de katolika movado, precipe gvidantoj de popolo kaj junularo. Du belaj monataj revuoj estas eldonataj: (Jitro — Mateno) kaj Život (La vivo).

La ĉefa kialo de ĉi tiu potenca kreskado de katolika junula movado estas — jen miru! — nur la sovaĝa atakado de multnombraj kaj bone organizitaj malamikoj kontraŭ ĉio, kio portis nur insignon de katolikismo. La efiko estis tre bona por ni! Katolika junularo, el ĉiuj sekcioj, havis dum pasinta kruela kulturbatalo kontraŭkatolika tre honoran sed ankaŭ tre danĝeran taskon: Ĝi defendis ĉie senlace, kuraĝe, heroe, per propraj korpoj katolikajn preĝejojn kontraŭ rabistoj el ĉeĥa sekto. Ofte eĉ okazis veraj bataloj, kie niaj bravuloj eĉ sangon elverŝis por sia kredo. Oni vere diras pri junularo: „Nia ĝojo kaj espero!“ Nur kuraĝe antaŭen al fina venko! A. Barta.

## Alvoko al ĉiuj bonvoluloj por ke vivu kaj kresku niaj institucioj.

Karaj gefratoj! Nia tasko estas grandega. Nia laboro malfacilega. Solida financa fundamento estas la sola garantio por daŭra ekzisto kaj plua evoluo. Pritraktante en speciala kunsido la financan situacion de Ika, post klarigo de la grandaj malfacilaĵoj kaj la vere oferema agado de ĉiuj kunlaborantoj en la Centra oficejo, la kunsido decidis, tuj aranĝi monkolekton por la daŭra subteno de ĉiuj niaj internaciaj institucioj. La sukceso estis granda. Nun la subita katastrofa ruiniĝo de la germana marko denove pligrandigas la malfacilaĵojn. Opiniante, ke ne nur la ĉeestantaj kongresanoj, sed ĉiuj niaj amikoj kaj kunlaborantoj volas subteni nian agadon, ni tie malfermas publikan kolekton kaj regule publikigos la liston de la donacontoj.

Monon oni sendu plej praktike per enskribita letero en fremdnaciaj bankbiletoj al Ika, Graz, Karmeliterplatz 5, aŭ al la nacia direktoro de Ika.

**1a listo (kongresanoj):** Cte de Rougé 100 fr. fr., P. Valentin Lehnerd 100 fr. b., Dro Montero 100 pes. hisp., Sro Otto Walter 50 fr. fr., Prof. Arnold 10 fr., Sro Heilker 10 guld., Prof. Bauregard 10 fr. fr., Prof. Carolfi 5 lir., Prel. Gießwein 1000 h. kr., Dro Metzger 10.000 aŭ. kr., Sro Nassenstein 5 fr. fr., Sro van Eck 10 g. h., Sro Dupong 10 fr. fr., Sino Vinzenz 200 g. m., Sro Kolvenbach 100 g. m., Pro Clement 40 ĉ. kr., Sro Kolte 10 b. fr., Sro Gravey 200 g. m., Sro Stork 5 fr. b., Pro Daubenfels (Luks.) 10 fr. b., Fino Dabancourt 10 fr. fr., Sro Mouffang 5 fr. b., Sro Noesten 5 fr. b., Sro Schuller 5 fr. b., Pro Rehberger 5 fr. b.

## Polujo.

### Sendependiĝo kaj konstitucio de Polujo.

Polujo estas ŝtato, kiu historie aperas en la deka jarcento. Ĝia unua historie konata monarĥo, Mieszko Ia, akceptis bapton en jaro 966, edziĝinte kun la ĉeĥa princino Dubravka. Kun sia princo kristaniĝis la tuta pola nacio.

Depost tiam daŭriĝis Polujo sian gloran kaj paceman ŝtatvivon ĝis la disŝiroj en la jaroj 1772, 1793, 1795. Kvankam la Poloj perdis la politikan sendependecon, ili neniam ekdubis, ke ili pli aŭ malpli frue reakiros memstarecon. La katolika religio, kiun ili plenkredeme flegis en sia ĉiurilata vivo, donis al ili kuraĝon kaj konfidon je Dio, kiu defendas siajn fidelajn filojn. Eksplodis la tutmonda milito, kiu ŝanĝis la situacion de la liberiĝemaj nacioj. La fortaj ŝtategoj falis kiel grandeguloj kaj malfortiĝis por daŭrigi sian superecon je la malplifortuloj. En jaro 1918 povis memŝtariĝi Polujo, ĝis tiam en tri partoj disŝirita. Nun ĝi organizas sin je la demokrataj fundamentoj kaj havas konstitucion depost la 17a de Marto 1921. La pola konstitucio komenciĝas jene:

„En la nomo de Dio Ĉiopova! Ni la pola nacio, dankante al la Providenco por nia liberigo . . . tiun ĉi leĝon konstitucian dum la leĝdonanta parlamenta kunsido de la pola respubliko decidas kaj starigas . . .“

La pola ŝtato estas respubliko. La supereca povo apartenas al la nacio . . . La romkatolika konfesio estante religio de la superanta plimulto de la nacio okupas en la ŝtato la ĉefan postenon inter la egalrajtaj konfesioj. La romkatolika eklezio regas sin per propraj leĝoj. La rilato inter la ŝtato kaj Eklezio estos fiksita je la bazo de l' interkompreniĝo kun la Apostola Seĝo kaj ĝi devas esti aprobata de la parlamento.

La hierarĥio en la nova ŝtato konsistas:

Latina rito: 4 ĉefepiskopoj (Warszawa, Poznan, Krakow, Lwow), 14 episkopoj. Orientaj ritoj: ĉefepiskopo armena (Lwow), ĉefepiskopo rutena (Lwow), 2 episkopoj rutenaj.

Parlamentaj grupiĝoj. Ĉar intertempe okazas novaj balotadoj oni ne povas doni sufiĉe klaran bildon. En la malnova parlamento estis 415 deputatoj: la nacia grupo (129), la centra grupo (162), la maldekstruloj. La nacia grupo staras sur katolika programo; la centra grupo havas bonajn katolikojn kaj ankaŭ indiferentulojn; la maldekstruloj plej grandparte estas kontraŭeklezioj.

La katolika vivo, nun liberigita de longdaŭraj katenoj bele ekfloras. En la unuaj tagoj de septembro 1921 okazis en Warszawa la unua katolika kongreso tutlanda. El la gravaj rezolucioj ni nur mallonge povas citi kelkajn, kiuj samtempe montras la grandajn zorgojn kaj gravajn taskojn de la pola katolikaro:

La kongreso jesas, ke la unua zorgo de la katolikaj delegitoj por fiksi la rilatojn inter ŝtato kaj eklezio devas esti la certigo de tutplena libereco kaj de plena sendepend antaŭ la ŝtataj povoj en ĉiuj partoj de la katolika agado.

## Sciigo.

Kaŭze de longdaŭra striko de la kompostistoj ĉi tiu numero jam delonge verkita ne povis esti forsendata. Estonte K. M. eliros regule komence de monato.

**La administracio.**

La kongreso juĝas esti senduba rajto de la katolikoj, la ŝtata leĝdonado ilin defendu kontraŭ la devigo, sin subigi al juĝo de juĝistoj, nesciantaj la kristanajn principojn kaj submeti la katolikan infanaron sub la eduka estraro de nekatolikoj . . .

La kongreso esprimas la profundan konvinkon, ke la plej taŭga rimedo por plibonigi la katolikan vivon estas la plinombrigo de la preĝejoj kaj de sanktemaj pastroj. Pro tio ĝi juĝas, esti devo de la tuta socio zorgi pri flegado kaj konservado de la vokadoj al pastra stato kaj subteni la edukadon de kiel plej bonaj servistoj de l' altaro.

La kongreso juĝas necese revigi la Misian unuigon por helpi la interesojn de la katolika Eklezio je la orientaj limoj kaj la ideon de la religia misio en Rusujo.

La kongreso juĝas necese, komenci kiel eble plej energian agadon celantan al daŭra konservado kaj diligenta plenumo de l' eklezia leĝo edzeca.

La kongreso juĝas necese, postuli de la registaro ke ĝi leĝdone helpu finance la multinfanajn familiojn.

Originale verkis por K. M. J. K., Polujo.

## La 62a kunvenego de la germana katolikaro en Muenĥen.

De la 27a ĝis 31a aŭgusto okazis en la ĉefurbo de Bavarujo la 62a kunvenego de la germana katolikaro. La ĉiujaraj festoj de la germana katolikaro („Katholikentag" t. e. katolikotago) estas famkonataj en la tuta mondo; ilia ekzemplo ja instigis la katolikojn de multaj aliaj landoj al imitado. La Muenĥena festego kunvenigis centmilojn da samkredanoj, tiamaniere ke verŝajne neniu kunvenego de la germana katolikaro antaŭe tiel amase estis vizitata. Vere impona estis la publika diservo sur la granda reĝa placo, kie centmil da personoj partoprenis la sanktan meson celebritan de l' Apostola Nuncio kaj aŭdis la predikon de l' kardinalo Faulhaber. Ne estas eble klarigi al nepartopreninto la impreson de ĉi tiu horo!

En la publikaj kunvenoj, kiuj okazis en speciale konstruita halego — la plej granda ĝis nun konstruita en Germanujo! — paroladis la plej konataj oratoroj al la amaso. En la fermitaj kunvenoj, kiujn ankaŭ partoprenis miloj da personoj, oni diskutis pri la ĉefaj problemoj kaj taskoj de l' katolikaro germana ekz. la edukada, diaspora, junula ktp. problemoj. Krom tio kunvenis okaze de la katolika festo en specialaj kunsidoj la plej diversaj organizoj katolikaj; dek aranĝoj kelkfoje estis samtempe!

Por nia legantaro du faktoj speciale estas gravaj kaj menciindaj: La katolika kunvenego, kvankam ne tute libera de tronacionalistaj emoj, kelkfoje ege aplaŭdis la proponon, pli ol estinte apogi la porpacan movadon kaj la klopodojn de l' internacia kunlaborado de la katolikoj. Do pruvo, ke la porpaca movado inter la germanaj katolikoj plifortiĝas; la kelkfoje malkaŝitaj nacionalistaj emoj dum la festo precipe estis kaŭzitaj per la ĝenerala sento, ke aliflanke oni ne agadas laŭ la principoj de justeco kaj dececo kontraŭ Germanujo; precipe la uzado de necivilizitaj soldatoj en Rhenlando treege kolerigas la popolon, kion precipe akcentis kardinalo Faulhaber en sia fina parolado.

La dua menciinda fakto estas la speciala demonstracia kunveno pri la internacia katolika kunlaborado, kiun aranĝis Ika. Paroladis profesoro **Arnold**, studokonsilisto **Nassenstein**, pastro **Lehnerd** kaj direktoro **Mack**. La entuziasmo por la Ika-agado estis granda, tiel ke oni povos esperi bonan progreson de la Ika-movado ankaŭ en Germanujo.

Inter la diversaj organizoj kaj movadoj, kiuj aranĝis specialajn kunvenojn, ni nur ankoraŭ mencias kelkajn por montri la diversajn klopodojn de la germana katolikaro: kunvenoj okazis por instruistoj, studantoj, junuloj, virinoj, laboristoj, submajstroj, servistinoj ktp., por misio eksterlanda kaj enlanda, apostolato, porsobrieca movado, edukada kaj lerneja organizo, religia kaj socia agado, disvastigo de spiritaj ekzercoj (retraite), de la katolika gazetaro ktp.

Esperiga ŝajnis al ni la forta movado de la katolika gejunularo, precipe de la tiel nomita „Quickborn" (refreŝiganta fonto) kaj „Nova Germanujo"; sammaniere la akcento de apostolato kaj la entuziasmo por misio; malpli koresponda al la spirito de katolikaj festoj ŝajnis al ni la aranĝoj de studentaj „komersoj" (trinkkunvenoj).

Entute la festego de la germana katolikaro montris viglan vivon kaj agademon inter la germanaj samkredanoj. Ni ĝoju, ke ĉiulande la katolika agado forte ekvigliĝas eksteren kiel ankaŭ pli kaj pli interne. Venu, Spiritu Sankta . . .!

Argus.

## Libera tribuno!

### Kiamaniere ni plibonigu kaj disvastigu K. M.?

Dum la estinta kongreso speciala kunsido okazis por pritrakti la vere gravan problemon: Kiel plibonigi kaj disvastigi K. M. La diversaj opinioj tie estis defenditaj. Unuanime oni interkonsentis tamen, ke K. M. povas kaj devas fariĝi vere universala tribunalo de la katolika agado internacia kaj aperi kiel eble plej baldaŭ dusemajne kaj poste semajne. Sendube ĝi tiam estus taŭgega informilo por la katolika gazetaro tutmonda precipe pri la internacia movado tutmonda.

Sed restas la decida demando, kiamaniere realigi tian idealon. Malrealista amiko eble pensus: ho tio estas facilega. Oni elpetu monon de katolikaj bankoj, institutoj, organizoj; oni destinu en ĉiu ŝtato plurajn raportistojn por la diversaj fakoj, oni invitu ĉiujn katolikajn gazetojn, ke ili abonu; oni dissendu propagandonumerojn al ĉiuj pli influaj personoj . . . oni . . . oni. Sed kiu estas la sinjoro **oni?** Kiu donacas monon? Kiu kunhelpas kiel raportisto? Kiu varbas novajn abonintojn? Kiu publikigas artikolojn el K. M. en naciaj gazetoj? Kiu lernas Esperanton precipe inter oficialaj rondoj multege okupitaj? Kiom da katolikaj esperantistoj fakte abonas la katolikan gazeton . . .?

Do la problemo estas tre komplika. Tial ni malfermas publikan diskutadon kaj elpetas precipe praktikajn proponojn, kiuj estos publikigataj en K. M.

Precipe oni diskutis ankaŭ la lingvan problemon kaj ne mankis personoj opiniantaj, ke oni eldonu laŭeble K. M. dulingve, tiel ke l' aŭtoro skribu en patra lingvo kaj oni traduku la tekston en Esperanto. Sendube tiuspeca metodo, plifaciligus la propagandon en la apartaj landoj; ĉar precipe altrangaj personoj, ofte ne trovante tempon por lerni Esperanton, pli volonte abonas gazeton, kie ili trovas artikolojn ankaŭ en nacia lingvo. Aliflanke tamen la afero estas malfacilega precipe ankaŭ el financaj kaj teknikaj kialoj. Ĉar la elspezoj por presigo kaj papero estus grandegaj. Plue oni defendis ankaŭ la opinion ke ĉiu Ika-ano, kiu havas vere internan intereson por internacia kunagado katolika, devas porti oferojn kaj lerni Esperanton. Oni fine interkonsentiĝis opiniante, ĉu ne estus realigebla, ke de tempo al tempo aperus ĉefartikolo verkita en nacia lingvo kaj tradukita en Esperanto por plifaciligi la propagandon en la koncerna lando. — Ni havas grandan intereson, ricevi la opiniojn de niaj amikoj pri tio.

La redakcio.

## Internacia poŝto.

Sro N., Germ. Vi devas havi paciencon! Pripensu, ke ankaŭ la kunlaborantoj en CAO estas homoj kaj nepre devas havi iom da ripozo por ne tro frue ruinigi la fortojn.

Sro St., Polujo. Malfeliĉe ni ne havas la monon por pagi al kongrespartoprenantoj veturadon kaj restadon! Kompreneble ni ĉiam estas pretaj al frata kunlaborado kaj konstatis nian pretecon solene kaj pliofte. La necesaj paŝoj estos farataj.

Sro T., Svisujo. Certe vi estas prava, ke K. M. pli ofte enhavas preseraron kaj malkorektaĵojn. Sed eble vi komprenos tion, se vi pripensas, ke la „redaktoro" ne nur estas „redaktoro", sed samtempe devas plenumi multajn aliajn pli gravajn devojn. L' eldono de K. M., sendube malfacila laboro, estas kvazaŭ nur apuda tasko kaj la redakcio ĝis nun ne ricevis eĉ unu heleron por tiu ĉi tasko!! Facila estas kritiko, sed kiamaniere ŝanĝi?!

## Anoncetoj.

La kostoj por unufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.

— — — — — — — — — — — — — — — — — — — —

La naskiĝon de sana kaj vigla fileto — Wolfram — sciigas kun sincera danko al Dio kaj granda ĝojo studokonsilisto **Knopf** kaj edzino Luci nask. Schmidt. Beuthen S.-S. (Kaiserplatz 5), la 3an aŭgusto 1922.

Interŝanĝo de PM, PKk. papermono kun ĉiuj landoj. Elsendo de belegaj elektoj al ĉiuj kolektantoj. Postulu niajn senpagajn prezareton kaj prospekton. Internacia Klubo Filatelista „Oriento", skrytka poczt. № 110, **Wilno** (Pollando).

Frant **Buhr**, bankoficisto, Praha-Břevnov 257, Ĉeĥosl., deziras interŝanĝi il. kartoj kaj korespondadi pri katolika movado en Ĉeĥoslovakujo.

Frant **Lisý** en Kladno, Stulcova 109, Bohem.-Ĉeĥosl., deziras korespondadi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn el ĉiuj landoj.

S. **Tijunaitis**, gvidanto de katolika geinstruista unuiĝo en Litovujo kaj kunredaktoro de organo de tiu ĉi unuiĝo „Lietuvos Mokykla" (t. e. Lernejo de Litovujo), deziras korespondadi per leteroj kun la samcelanoj pri alilanda katolika instruista organiza vivo kaj popolinstruadaj aferoj kun celo ricevitajn sciigojn aperigi en litova instruista preso kaj komenci interkomunikojn kun alilandaj organizoj geinstruistaj katolikaj por alproksimigi k.t.p. Adreso: S. Tijunaitis, **Kaunas**, Lukŝiog. 11. Lietuva, Litovujo.

Ĉiuj samreligianoj, kiuj sendos ĉ. 30—50 poŝtmarkojn maloftajn de sia lando, certe ricevos same tiom da belaj hungaraj poŝtmarkoj. **Popp Zoltan**, Miskolcz, Szentpéteri kapu 29/a, Hungario.

Walter **Brunner**, Wien, XV., Gebr. Langg. 7, Aŭstrujo, deziras korespondadi kaj interŝanĝi postkartojn kaj markojn.

Kiu kunhelpos konstrui preĝejon en la vilaĝo Wisterschan apud Teplitz-Schönaŭ, Ĉeĥosl. Por monsendu akceptu nian antaŭdankon. Theodoro **Heiserholt**, katehisto, Teplitz-Schönaŭ.

Sro Emil **Pfohl** en Arnaŭ, Bohemujo (Ĉeĥoslovakujo), deziras korespondadi kun gesamideanoj ĉiuj landaj. Mi ankaŭ kolektas bildkartojn kaj poŝtmarkojn; respondon certe.

Sro W. **Mudrak**, Wien, XV., Gebr. Lang-Gasse 7 (Aŭstrujo), deziras korespondadi kun samideanoj el la tuta mondo pri mondpaco (germane, ĉeĥe kaj esperante). Mi respondas certe.

Sro Anatolio **Volohov** en Tambov, Kambarovskaja 48 (Rusujo), deziras korespondadi kun gesamideanoj el ĉiuj landoj pri diversaj temoj.

Sro Heinrich **Rhein**, Mainz (Germanujo), Hopfengarten 4, interŝanĝas poŝtmarkojn kun samideanoj el ĉiuj eŭropaj landoj. Valoro laŭ Senf aŭ Michel.

Sro A. **Marinovič**, VI, zandarm. brigade Split, Dalmacija (Jugoslavujo) deziras korespondi kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun fraŭlinoj.

## Novaj akciuloj de l' Paŭlus-eldonejo.

Depost la lasta puplikigo novaj akciopartoj estas aĉetitaj de Sro Hager, Aŭstrujo 30.000; Sro P. Hofer 30.000; Sro Dro Pannesberger 50.000; Sino Heidegger 2000; Sino Reiter 50.000; Sro Schneeweiß 5000; Blanka Kruco 15.000; Sro Pazelles, Germanujo 10.000; Sino Stagenegg 30.000; Sro Wiesny 10.000; Sro Hermann 10.000; Sro Schöpfleuthner 1000; Sro Brandt 10.000; Sro Rothgeber 10.000; Sino Werosta 2000; Sro G. M. Carolfi, Italujo 3000; Sino Heß 20.000. Sro Rochart 50.000; Ika 100.000; Sro Cziep 100.000; Sro Schwaak 120.000; Sro Prov. Schober 10.000; Sro Rhein 4000; Sro Knopf 10.000; Sro Müller 50.000; Sro Muller, Germanujo 20.000; Sro Andris 10.000; Sro Kap. Beran 21.000; Sro Brunner 15.000; Sro Kur. Hailmeier 15.000.

La akciuloj certe ĝojas pri la agademeco de de l' Paŭlus-eldonejo. Novaj financaj rimedoj ebligos novajn gravajn publikigojn, kiuj jam estas preparataj. Nia celo: **Ĉiu** leganto de de K. M. estu akciuloj de Paŭlus-eldonejo.

## Novaj aperintaĵoj.

**Carolfi**, Katolika preĝlibro 16°, 160 paĝoj, bindita aŭ broŝurita. Paŭlus-eldonejo Graz. Broŝ. g. m. 40·—, s. h. 0·80, s. fr. 0·80, h. fl. 0·40, liroj 4·—, ĉ. k. 5·—; bind. g. m. 60·—, s. h. 1·40, s. fr. 1·40, h. fl. 0·75, liroj 6·— ĉ. k. 7·—.

Kun ĝenerala deziro atendite jam delonge, fine ni nun povas saluti la aperon de la katolika preĝlibro. Ĝi certe plaĉos al ĉiuj kiel pro la enhavo riĉa, bonstila, tiel pro la eksteraĵo bela, la bona popero, la pura presmaniero, la komoda poŝformato ktp. La katolika preĝlibro, kiu pro la cirkonstancoj estas malmultekosta donaco, certe ĝis Kristnasko estos en la manoj de ĉiuj Esperantistoj katolikaj. Laŭ la antaŭmendoj certe la utila libro baldaŭ estos elvendita.

**Proelss-Sappl**, Die bisherigen Erfolge der Welthilfssprache Esperanto auf der ganzen Welt. 8°, 106 paĝoj. Paŭlus-eldonejo, Graz. Kart. g. m. 30·— s. fr. 0·80, h. fl. 0·40, liroj 4·—, ĉ. k. 5·—; bind, g. m. 60·—, s. fr. 1·20, h. fl. 0·70, liroj 6·—, ĉ. k. 7·—.

**Sappl**, Esperanto-Katechismus. 16°, 32 paĝoj. Paŭlus-eldonejo, Graz. G. m. 12·—, s. fr. 0·30.

La du verkoj de l' agadema eldonejo estos bonvenintaj en la domo de ĉiu Esperantisto scipovanta la germanan lingvon. Ili estas bonegaj iloj por la propagando de Esperanto.

## Atentu! Novaj abonprezoj.

La daŭra senvaloriĝo de aŭstra, germana ktp. valutoj postulas plialtigon de abonprezoj por la koncernaj landoj; alie danĝeriĝus daŭra apero de K. M. La kondiĉojn por altvalutaj abonintoj ni klopodas plibonigi laŭpove: La prezoj por dua kolekto (11—20) estas jenaj:

**Altvalutaj ŝtatoj**: Svisujo, Hispanujo, Anglujo kaj similvalutaj ŝtatoj: 4 fr., p., ŝ. ktp. Usono kaj s. v. ŝt.: 1 d.

Kiu mendas al unu sama adreso 5 (10) kolektojn, ricevas 1 (2) kolekton senkoste. Kiu varbas almenaŭ 5 novajn abonontojn ricevas unu kolekton senkoste.

**Mezvalutaj ŝtatoj**: Francujo, Belgujo kaj s. v. ŝt.: 5 fr.; Italujo, Jugoslavujo kaj s. v. ŝt.: 6 l., d.; Ĉeĥoslovakujo, Romanujo kaj s. v. ŝt.: 10 ĉ. K., lev ktp.

Kiu mendas 10 (20) kolektojn por unu sama adreso ricevas 1 (2) kolekton senkoste. Kiu varbas almenaŭ 15 novajn abonontojn, ricevas unu kolekton senkoste.

**Malaltvalutaj ŝtatoj**: Germanujo, Baltikaj ŝtatoj: 60 g. M.; Polujo, Hungarujo: 300 p. M., h. Kr.; Aŭstrujo: 3000 aŭ. Kr.

Kiu mendas 30 kolektojn por unu sama adreso aŭ varbas almenaŭ 25 novajn abonontojn, ricevas unu kolekton senpage.

**NB.** Oni sendu la monon plej bone per naciaj bankbiletoj de la propra lando al Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo, aŭ al la nacia direktoro de Ika. Por Germanujo (Verlag Volksheil Karlsruhe 26.195), Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Svisujo oni postulu poŝtpagilojn de l' eldonejo. Oni povas komenci la abonon per iu ajn numero.

**Oni ne pagu per poŝtavizoj!!**



Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz. — Presistejo: „Styria", Graz.